XIVa jaro. No 208 (12) ☆ Monata ☆ 5 decembro 1917

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

JARA ABONO

Ordinara eldono . . . . . . . . 5.— Frankoj (2.— Sm.)
Luksa eldono . . . . . . . . . 6.25 Frankoj (2.50 Sm.)
*Svisa poŝtĉeka konto I. 824.—Oni akceptas nur tutjarajn abonojn.*
*La abonoj komenciĝas de la 1a de ĉiu monato*

REKLAMO

Reklamo (1 linio aŭ ĝia spaco) . . . . 0.50 Fr. (0.20 Sm.)
Anonceto (1 linio: 10 vortoj) . . . . 0.40 Fr. (0.16 Sm.)
Korespondado (1 enskribo) . . . . . 0.50 Fr. (0.20 Sm.)
*Rabatoj: 4 enpresoj 10 %; 12 enpresoj 25 %; 24 enpresoj 50 %.*

Direktoro: HECTOR HODLER — Redaktejo & Administrejo: 10, rue de la Bourse, GENÈVE (Svisujo)

## TEKSTO



## NUNTEMPAJOJ

# Internacia ordo kaj internacia lingvo

Ĉiu deziranta, ke al la estonta homaro estu evitata la vidajo de nova mondbuĉado, konsentas, ke stato de daŭra paco estas atingebla nur per starigo de harmonia ordo internacia, ĉe kiu la nacioj, anstataŭ anarkie vivi unuj rilate al la aliaj, sin fine asocios por la komuna bono de ĉiuj. Post kiom da skuoj, suferoj, detruoj, revolucioj la nova mondo elstariĝos el la nuna sanga ĥaoso, neniu kuraĝas antaŭtaksi. Sed la fakto, ke la realigo de tia profunda transformo renkontas grandegajn praktikajn malhelpojn, ne nuligas tiun alian fakton, ke nur per la unuigo de la nun inter si batalantaj partoj la homaro povos retrovi ekvilibron.

Malgraŭ la terura bruado de la armiloj kaj la tumulto de la militpasioj katenantaj la animojn, ekzistas nuntempe homoj, kiuj kun serena spirito studas, kiel, profitante la ĝisnunajn spertojn, oni povos plej bone organizi la estontan interŝtatan asocion. Ili precipe atentas la politikan kaj ekonomian aspekton de la internacia problemo. La interŝtatajn rilatojn ili celas reguli per taŭga jura organizo, kiu respektante la necesan memstarecon de la naciaj organismoj submetos ilin al komunaj leĝoj pri ĉio koncernanta la intereson de la tuta homaro.

Neniu, kiu serioze aspiras al tia nova ordo, rajtas aserti, ke tiuj studlaboroj, nun pure teoriaj, estas senutilaj. Internacia ŝtatligo ne spontane kreiĝos. Oni devas ĝin prepari. Pri tio sin diligente okupas diversaj organizajoj, inter kiuj estu speciale citinda la Centra Organizo por daŭra paco en Hago, kiu jam publikigis interesajn verkojn.

Sed la internacia problemo ne havas sole politikan kaj ekonomian aspekton. Kiel ajn vasta estas ilia scienco, la juristoj kaj politikistoj ne povos ĝin kontentige solvi per siaj laboroj. Naiva estas, kiu kredas, ke por efektivigi tiel fundamentan transformon de la internaciaj rilatoj, sufiĉos starigi novajn jurajn regulojn. Sendube tiaj formalaj reguloj estas necesaj el praktika vidpunkto, sed ili trafas la celon, nur kondiĉe, ke samtempe transformiĝu la spirito de la homoj. Senvalora paperaĵo restos la plej belaj teoriaj aranĝoj pri internacia ŝtatligo tiel longe kiel mankos ĉe la aktiva parto de la homaro internaciema spirito.

Kio estas internacia spirito? Ĝi estas simple la apliko, sur la kampo de la interpopolaj rilatoj, de la principo pri reciproka komprenemo kaj toleremo. Kiel iu nacio ne estas prosperkapabla se inter ĝiaj membroj regas malfido kaj malamo, tiel same neniu internacia ligo povos daŭre ekzisti, se inter la popoloj alte staras muroj de reciproka nekompreno kaj netolero. La plej raciaj proponoj pri evito de estontaj militoj restus senefikaj pro la malfavoraj psikologiaj kondiĉoj, kaj malgraŭ sia deziro al paco, la homaro, pro la persisto de la intergentaj malamoj, estus fatale puŝata al novaj katastrofoj.

Paralele kun la politika kaj jura laborado, sin do trudos al ĉiuj pioniroj de l' nova ordo alia agado, kiu per ĉiuj rimedoj celos la plibonigon de la moralaj rilatoj inter la popoloj. Kaj ĉu inter tiuj rimedoj la plej grava, la plej efika, ne estas la disvastigo de komuna helpa lingvo, dank' al kiu la popoloj ĉesos esti fremdaj unuj rilate al la aliaj kaj iom post iom akiros la konscion pri sia aparteno al la homara familio? Certe neniu asertas, ke nur per la enkonduko de tia lingvo oni atingos staton de daŭra paco, sed ke ĝi estas

grava elemento de la internacia problemo, neniu saĝa povus nei. Ĉiu partiano de nova ordo internacia, kiu indiferente aŭ skeptike rilatas al tiu demando, fakte, kvankam nekonscie, agas kontraŭ sia celado kaj malharmonie kun siaj ideoj. Ni scias, ke bedaŭrinde multaj estas ankoraŭ la indiferentuloj pri internacia lingvo en tiuj rondoj. Al ni Esperantistoj apartenas la tasko veki ilian atenton, admoni ilin al kunlaboro kaj substreki la neceson de nia lingvo en la rekonstrua postmilita periodo.

Sed por tio estas ankaŭ necese, ke la Esperantistoj mem komprenu, ke la sorto de ilia lingvo estas intime ligata kun la triumfo de la movado por starigo de paca ordo internacia. Esperantisto, kiu deziras la konservon de l' interŝtata anarkio, estas nekonscie malamiko de Esperanto, ĉar per sia sintenado li helpas al la preterdaŭro de stato, ĉe kiu nia lingvo neniam povos triumfi. Okazaj sukcesetoj atingitaj dum la milito per aliaj metodoj ne devas malatentigi tiun evidentaĵon, ke por nia movado ne ekzistas pli granda danĝero ol la milito. Nu, kiu diras militon, diras ankaŭ logike ĝian profundan kaŭzon, nome la internacian anarkion.

Al la personoj, kiuj kutimas sekvi la modon, la esprimado de tiuj ideoj, ŝajnos ne ĝustatempa, ne dezirinda, ne deca, en la momento, kiam ĉie oni genufleksas antaŭ aliaj idoloj. Sed la vero restos la vero, eĉ se milionoj da homoj ĝin freneze malatentas. Ju pli oni inklinas ĝin timi, des pli kreskas nia devo ĝin rememorigi. Plie, el kelkaj simptomoj ekaperas, ke la nun laŭmodaj ideoj kliniĝas al la krepusko. Horo venos, kiam, post tragediaj spertoj, meze de la ruinoj kaŭzitaj de tiuj ideoj, la homoj malbenos tion, kion ili hodiaŭ senprudente akceptas kaj kun espero alproksimiĝos al la hodiaŭ malŝatataj kaj kondamnataj veroj. Ni do pie gardu la sanktan fajron. Ni malgraŭ ĉio restu persiste fidelaj al la idealo de interpopola kompreno kaj tolero, kiun Zamenhof, kun prava instinkto, ĉiam opiniis nepre ligata kun nia lingvo. Ĝi estos la idealo, kiun la nova tempo fiere enskribos sur sian flagon.

*H. Hodler.*

 SOCIA VIVO 

## La rajtoj de la gentaj malplimultoj

La *Centra Organizo por daŭra Paco* (sidejo en Hago) en la komenco de 1916 elektis specialan komisionon, kies prezidanto estas Prof. D-ro H. Koht, el la Universitato de Christiania, por studi la demandon pri la rajtoj de la gentaj malplimultoj interne de la ŝtatoj. Tiu komisiono, kiu konsistis el dek-sep diversnaciaj kompetentuloj pri juraj kaj naciaj demandoj, aperigis raporton, kiun konkludas la jena antaŭprojekto de internacia traktato pri la rajto de la naciaj malplimultoj.

* * *

*1.* La kontraktantaj Ŝtatoj sin devigas lasi al ĉiu enlanda gento[1] la liberecon, konservi kaj disvolvi ĝian naciecon kaj ĝian lingvon.

2. Neniu Ŝtato povas rifuzi al iu la civilajn kaj politikajn rajtojn pro lia deveno, gento aŭ religio; ĉiuj regnanoj estas egalaj antaŭ la leĝo.

Neniu Ŝtato povas rifuzi al iu el siaj regnanoj, pro lia deveno, gento aŭ religio, la rajton elekti loĝolokon, libere praktiki profesion aŭ industrion, posedi domojn, voĉdoni en la publikaj balotoj, esti balotata por urba aŭ politika posteno, publike paroli aŭ skribi la patran lingvon kaj ĝin uzi antaŭ la tribunaloj, praktiki la kulton de lia religio kaj eduki la proprajn infanojn en la lingvo kaj religio de li elektitaj.

*3.* Ĉiu kontraktanta Ŝtato sin devigas garantii al ĉiu genta malplimulto la liberecon organizi laŭplaĉe ĝian kulton kaj ĝian eklezion sendepende de la Ŝtato, sed konforme al la ekzistanta leĝaro; la Ŝtato ne rajtas iel malhelpi, ke tiuj religiaj komunumoj komuniku kun sia spirita ĉefo, se tiu estas nek la regnestro nek la oficisto de fremda Ŝtato. Kiam pluraj gentoj estas kunigitaj en unu religia komunumo, la Ŝtato devas zorgi, ke ĉiu el ili havu egalan rajton uzi sian lingvon.

*4.* Al ĉiu genta malplimulto, distingata per ĝia lingvo aŭ religio, la Ŝtato devas garantii la nacian instruadon. Kondiĉe ke ĝi havu sufiĉan nombron da lernantoj, tia malplimulto povos organizi proprajn lernejojn; tiu regulo aplikiĝas tiel al la unua- kaj duagradaj lernejoj kiel al la liceoj kaj universitatoj; ĉiu el tiaj lernejoj rajtas ricevi ŝtatan monhelpon, kondiĉe ke ĝi plenumu la ordinarajn leĝokondiĉojn pri la publikaj lernejoj.

*5.* La gentaj malplimultoj, kiuj organizas siajn proprajn ekleziojn aŭ lernejojn, devas esti liberaj elekti, por tiu celo, specialan reprezentantaron kaj por la konservado de tiaj institucioj kolekti impostojn ĉe siaj membroj.

*6.* Ĉiu Ŝtato sin devigas teni apartajn registrojn por ĉiuj enlandaj gentoj, tiel ke ĉiu loĝanto povu laŭ sia plaĉo elekti la registron de la gento, al kiu li deziras aparteni. Sole tiuj registroj servas kiel bazo por doni al la diversaj gentoj la rajton organizi proprajn ekleziojn kaj lernejojn.

Ĉiu Ŝtato sin devigas zorgi pri justa reprezentado de ĉiu gento en la aŭtoritatoj balotitaj de la popolo konforme al la nomitaj registroj.

*7.* Ĉiu Ŝtato zorgos, ke ĝenerale la oficistoj, kiuj senpere rilatas kun la gentaj malplimultoj, komprenu ilian lingvon, kaj ke la leĝoj kaj oficialaj komunikoj estu tradukataj en la lingvon de tiuj malplimultoj.

*8.* La kontraktantaj Ŝtatoj sin devigas, ĉe transcedo de teritorio aŭ ĉe aŭtonomigo de teritorio en suverena Ŝtato, priatenti la interesojn kaj dezirojn de la koncerna loĝantaro.

*9.* La interesoj kaj deziroj de la loĝantaro estu laŭeble konstatataj per plebiscito (popola voĉdonado). Tie, kie la loĝantaro konsistas plejparte el analfabetuloj, senpartia enketo pri la opinio kaj situacio de la koncerna loĝantaro estu farata per alia procedo.

*10.* Krom la kazo pri konservado de la *status quo,* la plebiscito ebligu la elekton inter la jenaj solvoj: transcedo al alia Ŝtato, aŭtonomeco en la suverena Ŝtato aŭ en unuiĝo kun ĝi, absoluta sendependeco. Tie, kie al la voĉdonado estas proponataj pli ol du solvoj kaj neniu el ili atingas la absolutan plimulton, dua voĉdonado okazu pri la du solvoj, kiuj ricevis la plej grandan voĉonombron.

*11.* La voĉdonado estu aparte kalkulata en kiel eble plej malgrandaj teritoriaj unuoj (distriktoj, komunumoj, k. t. p.) por ke divido de la teritorio povu efektiviĝi konforme al la voĉdonado, tiom kiom permesas la celo de la teritoria transcedo.

*12.* La reguloj pri la voĉdona rajto kaj pri la aranĝo de la plebiscito estu fiksataj por ĉiu aparta kazo, ĉu per speciala konvencio, ĉu per internacia arbitracio.

Trad.: *A. R.*

[1] Ni uzas la vorton *gento* prefere ol la sencoduba *nacieco,* por montri loĝantaron kun komuna lingvo.

## La hebrea popolo

Kio estas la hebreoj? Kutime oni parolas en nehebreaj rondoj pri hebrea religio, sed tre malofte oni aŭdas nehebreon parolanta pri la hebrea popolo. Tamen estas malĝusta la opinio, ke la hebreoj formas nur religian komunumon. Efektive la religio ludis ĝis la lastaj jardekoj la plej gravan rolon en la hebrea vivo. Sed en la lastaj jardekoj la religieco de la hebreoj multe malfortiĝis. Malgraŭ tio la nereligia parto de la hebreoj apartenas konscie al la hebrea „komunumo." Tio montras al ni, ke tiu-ĉi komunumo ne estas religia, sed nacia. La hebreoj mem neniam opiniis alie. Ili havas sian propran hebrean lingvon, kies literaturo ne ĉesis disvolviĝi de la plej antikvaj tempoj ĝis hodiaŭ. Vere, ĝis la plej lasta tempo la hebrea lingvo estis sole la lingvo de la oficiala diservo kaj de la literaturo. Sed de post la lastaj du jardekoj la hebrea lingvo fariĝas viva lingvo en la buŝo de la hebreoj en ĉiuj landoj kaj precipe en Palestino. Ĉiuj lernejoj en Palestino, unuagradaj kaj mezaj, uzas por la instruo sole la lingvon hebrean.

Estas kompreneble, ke la hebrea nacio, kiel ĉiuj aliaj, zorgas pri la konservado de sia memeco, de sia nacia karaktero, kaj klopodas fortigi sian situacion en la mondo. Dividite inter ĉiuj popoloj de la mondo, suferante preskaŭ en ĉiuj landoj de pli aŭ malpli granda malamo, kiun oni nomas antisemitismo, la popolo hebrea ne povas disvolvi libere siajn naciajn ecojn, siajn nacian kulturon. Por doni al la hebrea popolo la eblon de libera, sendependa vivo estis kreata antaŭ dudek jaroj la hebrea nacia movado, konata sub la nomo Sionismo. Antaŭ la nuna milito oni malmulte aŭdis en la nehebrea mondo pri tiu-ĉi movado. La milito elŝovis la sionismon sur la supron de la politika vivo. Precipe en la landoj latinaj oni multe interesiĝas pri la sionista solvo de la hebrea problemo. Nahum Sokolow, membro de la centra komitato de la tutmonda sionista organizaĵo, vizitis antaŭ kelkaj monatoj eminentajn personojn en Francujo kaj Italujo, kaj ĉie li ricevis la aserton, ke la registaroj (franca kaj itala) apogos ĉiujn paŝojn por la realigo de la Sionismo. La papo, ĉe kiu Sokolow havis aŭdiencon, diris al li: „Ni estos bonaj najbaroj."

Kiuj do estas la postuloj de la sionismo? La oficiala sionista programo diras: „La Sionismo celas krei en Palestino internacirajte garantiitan hejmon por la hebrea popolo." La Sionismo volas, ke oni garantiu al la hebrea popolo rajton de libera koloniigado kaj de aŭtonoma vivo en Palestino. La Sionismo ne celas formi memstaran ŝtaton, ĝi ne celas deŝiri Palestinon de Turkujo. La hebrea nacio, kiel tia, en la nuna milito estas neŭtrala. La hebreoj, partoprenantaj la militon, batalas ne kiel hebreoj, sed kiel burĝoj de siaj landoj. Kiel hebreoj ili havas nenian kaŭzon esti kontraŭuloj de Turkujo. Ili volas nur internacian garantion de libera hebrea koloniigo de Palestino. Al kiu ajn ŝtato Palestino apartenos estas por la Sionismo principe egala. Sed post kiam la lando nun apartenas al Turkujo la Sionismo havas nenian kaŭzon deziri la deŝiron de Palestino. En ambaŭ partoj de la militantaj popoloj oni nun multe parolas pri la Sionismo, kaj oni diras, ke hebrea koloniigado en Palestino estos grava faktoro por la disvolvo de eŭropa kulturo en la proksima oriento. Efektive la hebrea koloniigado faris en la lastaj jardekoj tre multe por la vivigo de la dezertaj lokoj de la sankta lando. Multe pli ĝi povos atingi, se la rajto de hebrea koloniigado estos internacie garantiita. Aŭtonoma hebrea centro en Palestino solvos por ĉiam la hebrean problemon, ĝi donos al popolo de pli ol dektri milionoj la eblon de libera, sana vivo, kaj ĝi forŝovos la limojn de Eŭropo ĝis la Eŭfrato.

Por ni, Esperantistoj, estas interese scii, ke ankaŭ Zamenhof estis ano de la sionista ideo, kaj ke li fondis la unuan sionistan asocion en Varsovio.

*D-ro Olŝvanger* (Bern).

---

## Progresoj de la kontraŭalkohola leĝaro antaŭ kaj dum la milito

II

*Usono:* Tie la malpermeso de l' alkoholo havas tute alian historion ol en Rusujo. La movado datas de la komenco de l' XIXª jarcento; kiel preskaŭ ĉie oni estis komencinta kun predikoj por modereco kaj, kiam ili nenion efikis, kun abstinencaj societoj. Estis, se mi bone memoras, en la dua duono de l' XIXª jarcento, kiam oni enkondukis la lokajn malpermesajn leĝojn *(Local option)*. Ili rajtigis la gevirojn de komunumo malpermesi per voĉdonado (ekzemple plimulto de la du trionoj) ĉian vendon de alkoholaj trinkaĵoj sur la loka teritorio. Tiel ĉiuj permesoj por alkoholaj restoracioj estas nuligeblaj. Do, en Rusujo, ordono de la aŭtokrato; en Usono, libera decido per popola voĉdonado. Tiu lasta procedo iras malrapide, sed certe. En la ŝtatoj Maine iu Neal Dom atingis jam antaŭ longe ŝtatan malpermeson, sed ĝi estis multfoje ĉirkaŭirata, tiel ke poste la abstinenculoj preferis la malpli rapidan vojon de la loka malpermeso.

La en 1852 de Coon fondita bontemplana ordeno (J. O. G. T.) kreskis en Usono ĝis preskaŭ 700,000 membroj sed poste malmultiĝis, kaj estis anstataŭata de partio por la malpermeso. Kie la loka malpermeso estis sufiĉe fortika, oni enkondukis malpermesojn por distrikto kaj poste por ŝtato. Ĝis antaŭ nelonga tempo la importo de alkoholo de ŝtato al alia ne povis esti malpermesata, kaj tiel estis malfacila igi la malpermeson efika. En la lastaj jaroj la progresoj de la lokaj, distriktaj kaj ŝtataj malpermesoj fariĝis grandegaj.

Hodiaŭ el la 48 ŝtatoj de Usono, 24 enkondukis la ŝtatan malpermeson. Kalkulataj kun la distriktaj kaj komunumaj malpermesoj de la aliaj ŝtatoj, tiuj „sekaj" teritorioj ampleksas 66 % de la tuta loĝantaro de Usono kaj 85 % de la tuta teritorio. Sed la plej multaj urbegoj New York, Philadelphia, Chicago, k. t. p. ankoraŭ malespere baraktas kontraŭ tiu decido. Certe tiu malpermeso ne estas ĉie egale respektata, des pli ke la privata aĉeto el „malseka" ŝtato ne povas esti malpermesata. Sed la vendistoj de alkoholaĵoj multege trograndigis tiujn neperfektaĵojn por miskreditigi la malpermesajn leĝojn. Usono fariĝos certe, post ne tro malproksima tempo, tute libera je ĉia alkoholaĵo.

En *Kanado* la alkoholmalpermeso progresas sur la sama vojo kiel en Usono, sed eĉ pli rapide. La 1 januaro 1916 la provincoj New Brunswig, Prince Edward Island, Alberta kaj Nova Scotia ekhavis sian malpermeson. Dum 1916 sekvis la provincoj Manitoba, British Columbia, Ontario kaj Saskatschewan. Restas ankoraŭ la provinco Quebec kaj la teritorio Yukon. Sed 24 % de la komunumoj de Quebec estas jam „sekaj". Jam komencas movado por la plena malpermeso de ĉiuj alkoholaĵoj en tuta Kanado. Verŝajne ĝi baldaŭ efektiviĝos.

Oni do povas antaŭvidi la tempon, kiam tuta Nord-Ameriko estos liberigata je la alkohola veneno.

En *Svedujo* la tie eltrovita, sed de la komenco nesukcesa Gothenburga sistemo estas plej akre kontraŭbatalita de la abstinenculoj. Tiuj ĉi postulas la lokan malpermeson, Prof. D-ro Bergmann eĉ la ŝtatan. La plimulto de la popolo estas

abstinenca kaj inter 2409 komunumoj, 1424 ne havas trinkejon. La dua ĉambro voĉdonis preskaŭ unuanime por la loka malpermeso. Sed la unua ĉambro, elektita kun limigita voĉdonrajto kaj ĉefe konsistanta el feŭdaj konservemaj elementoj, malpermesis ankoraŭ dum 1916 tiun leĝon per 85 kontraŭ 52 voĉoj. En Svedujo la abstinencaj societoj, ĉefe la Bontemplanoj de diversaj specoj kun 200 ĝis 350,000 membroj, estas granda potenco. Tiel staras la aferoj nun; ankaŭ tie serioza batalo prepariĝas.

En *Norvegujo* la Gothenburga sistemo (vendo de brando per privilegiitaj societoj) estis praktikata multe pli bone ol en Svedujo, t. e. kun pli severaj limigoj de la atingota profito, k. t. p. Tamen oni forlasis ĝin jam je la fino de la XIXa jarcento je la favoro de la loka malpermeso laŭ la Usona modelo. Tiu faris bonajn progresojn. La abstinencaj societoj en Norvegujo estas tre fortaj. La Parlamento elektita en 1915 enhavas, krom duono de abstinenculoj, multajn partianojn de la malpermeso, tiel ke severaj leĝoj estas atendataj. En la armeon kaj militŝiparon oni enkondukis dum la milito la plenan abstinencon.

*Danujo:* Tie estas interesa situacio. Islando kiel la insuloj Fär-Oer havas la plenan malpermeson de malmultaj jaroj, kaj pro sia izoleco povas ĝin efektivigi facile, kaj je sia granda profito. Danujo staras longe malantaŭ Novegujo kaj Svedujo, sed la enkonduko de la virina voĉdonrajto multe antaŭenirigis la ŝancojn de l' malpermeso. Sekve la 200,000 organizitaj danaj abstinenculoj preparas viglan agadon por la ŝtata malpermeso.

*Finlando:* Antaŭ la milito la tiea abstinenca movado estis la plej forta en Eŭropo. La granda plimulto de l' popolo estis abstinencema kaj voĉdonis malpermesan leĝon, sed ĝi ne estis aprobita de la caro. Kiam do la sama caro ordonis en aŭgusto 1914 la malpermeson por tuta Rusujo, li plenumis, verŝajne nekonscie, la deziron de la Finlandanoj. Oni jam raportas pri rimarkindaj sukcesoj atingitaj ĉe la malplimulto ankoraŭ supermezure trinkanta parto de la popolo.

*Britujo:* Rilate la uzadon de la alkoholaj trinkajoj ekzistas grandaj diferencoj en Britujo; precipe la trinkado de la virinoj estas disvastigata. La kontraŭalkohola movado disvolviĝis forte jam en la dua parto de la XIXa jarcento, kaj la J. O. G. T., alportita de J. Malins el Usono al Britujo, bone sukcesis. En la XXa jarcento, ĝia progreso, kiel tiu de la tuta abstinenca movado, haltis, escepte en Skotlando, kie oni alcelas la lokan malpermeson.

La milito ekskuis la registaron sub la gvidado de Lloyd George. Ĉe dektri milionoj da homoj, kiuj laboras por la ŝtataj interesoj sub la „Board of Control", la vendado de alkoholo estis permesata preskaŭ nur dum la horoj de la manĝoj kaj la uzado de sanaj nutrajoj kaj de senalkoholaj trinkajoj estis ĉiel subtenata. La sukceso estis meza malpligrandigo de pli ol la duono de la arestoj pro ebrieco. (Ekzemple: 2000 kazoj semajne dum 1914 kaj nur 940 en marto 1916).

Per tio la abstinencaj societoj estis kuraĝigitaj; ili postulas nun la plenan malpermeson de ĉiuj alkoholaj trinkajoj dum la milito kaj ses monatojn poste. Ili kolektis du milionojn da subskriboj kaj la samon postulis de la Parlamento mil nobeloj, sciencistoj kaj pastroj. Nuntempe oni ekesperas almenaŭ plenan malpermeson de l' brando. Oni multe atendas de Lloyd George, kiu siatempe klopodis por plena abstinenco.

*Aŭstralio kaj Nova Zelando:* Krom severaj reguloj pri la vespera fermado de la restoracioj, k. t. p., kiel en Anglujo, ĉiuj ŝtatoj de la Aŭstralia Ŝtatunuiĝo havas nun la lokan malpermeson; la situacio estas do simila al tiu en Usono kaj Kanado. La loka malpermeso ekzistas jam pli longe en Nova Zelando, kie la virinoj havas la voĉdonrajton, kaj la plena ŝtata malpermeso estas antaŭvidebla.

*Aliaj britaj kolonioj:* Tie la cirkonstancoj estas diversaj laŭ la loĝantaro. Buddhistoj kaj Mahometanoj inklinas al abstinenco, kvankam la malpermeso de la Korano estas de la lastaj ĉiam pli malsevere interpretata. Dum Kanado, Aŭstralio kaj Nova Zelando memstare progresis, estas ĉe la aliaj kolonioj atendebla, ke pli forta iniciato venos de la patrina lando.

En *Nederlando* la abstinenculoj longatempe renkontis multajn malfacilajojn. La ebrieco estis disvastigata, kaj oni priridis la alvokon „Sluit Schiedam" (fermu la brandejojn). La „temperenca" societo „Volksbond" (por tiel nomata modera konsumo de la alkoholajoj) ne multe sukcesis, kiel preskaŭ ĉiuj tiaj societoj por modereco. Tamen oni atingis certan malmultiĝon de la trinkejoj, kiu iomete utilis. Ĉe la unua kontraŭalkohola kongreso en Hago en 1893 la situacio de la abstinenculoj estis tre malcerta, sed ĉe la dua (1911) la abstinenculoj jam estis multe pli fortaj ol la moderuloj, „temperenculoj". Kun la helpo de Prof. van Rees, la movado estis de mi reviligata, kaj nun laboras 73 loĝioj de neŭtralaj Bontemplanoj kun bona sukceso.

Dum la milito 600,000 loĝantoj petoskribis por la rajto de loka malpermeso. La registaro malpermesis uzi tritikajojn por brandfabrikado kaj eksporti brandon.

*Francujo:* En la siatempe tiel modera Francujo, la alkohola malsanego fariĝis iom post iom la plej terura en tuta Eŭropo. Ekzistis antaŭ la milito nur kelkaj malfortaj grupoj de la svisa Blua Kruco kaj de la Bontemplanoj. Ankaŭ citinda estas Generalo Gallieni, la abstinenca militministro, kiu multe kontraŭbatalis la alkoholon en Madagaskaro kaj poste en Marseille kaj aliaj urboj vigle klopodis kontraŭ la pretendoj de la interesatoj kaj brandfaristoj. — Dum februaro 1915 la Parlamento plene malpermesis la absinton. De tiam la „Ligue nationale contre l' alcoolisme" kaj Ribot daŭrigis atentigi pri la alkohola danĝero.[1] Novaj societoj fondiĝis. Oni nun alcelas, laŭ rusa modelo, la malpermeson de la brandfarado, almenaŭ dum la milito, sed la potenco de la trinkejestroj estas terura. Ili grave influas la balotojn, kaj la Parlamento apenaŭ kuraĝas batali kontraŭ ili. Nova leĝo pri la vendo de alkoholajoj estis nun akceptita, sed bedaŭrinde jam nun gravaj jurnaloj timas, ke mankos la kuraĝo severe ĝin apliki.

*Germanujo* mobilizis malpermesante la uzadon de alkoholaj trinkajoj. Tie la abstinenca movado faris antaŭ la milito malrapidajn, sed certajn progresojn. Antaŭ tridek jaroj ĝi estis preskaŭ nekonata kaj la „temperenculoj" malestimis la malgrandan nombron de la principaj abstinenculoj. Hodiaŭ la promodereca partio perdis influon, kiel en ĉiuj landoj. Kontraŭe, en 1914 ekzistis 80,000 Bontemplanoj, 59,600 membroj de la Blua Kruco, 45,000 membroj de la abstinencaj katolikaj societoj (krom 160,000 infanoj) kaj multaj malgrandaj abstinencaj societoj, entute pli ol 200,000 personoj, ne enkalkulante la junulojn. Malgraŭ tio la registaro ne montris sin tre energia dum la milito; la permesoj kaj malpermesoj estas tre diversaj laŭ la regionoj. La brandfarado estis limigata, fine kvazaŭ monopoligata. Tamen, malgraŭ la granda manko de vivrimedoj, oni misuzis notindajn kvantojn por la fabrikado de alkoholaj, do senvaloraj, trinkajoj.

En *Aŭstrio* ne multo okazis antaŭ la milito. Notindaj estas la abstinenca laborista societo kaj la neŭtralaj Bontemplanoj kun malmultaj miloj da membroj. Oni mobilizis sen malpermeso de la alkoholo, kaj la aranĝoj kontraŭ bierkaj brandfarado estis ankoraŭ malpli energiaj ol en Germanujo.

En *Hungarujo* batalis preskaŭ nur la Bontemplanoj. Dum la milito oni malpermesis al la staciestroj disdonigi

[1] En Francujo estas kutime nomataj alkoholaj trinkajoj la brando kaj speco de forta biero dum la vino ne estas alkalkulata inter la alkoholaj trinkajoj.

alkoholajn trinkaĵojn al la travetursantaj trupoj. Krom tio verŝajne malmulto estis farita.

En la *Balkanlandoj* mi mem fondis en 1910 kelkajn Bontemplajn loĝiojn en Bulgarujo kaj Turkujo. En Serbujo la sukceso estis notinda. En la ordeno troviĝas ekzemple 5000 abstinencaj Skoltoj. La milito preskaŭ ĉion detruis. En Turkujo la Mahometanoj lernis la trinkadon tiel bone kiel ĉiuj en Alĝerio. La tiama grand-veziro Hakki Paŝa diris al mi tute naive, ke li tre ŝatas trinki kelkajn glasojn de Bordeaux-vino.

En *Italujo* mi fondis en 1909 Bontemplan loĝion; du aliaj sekvis, ĉiuj en Milano. Antaŭe ekzistis tute malgranda abstinenca societo sur protestanta fundamento kun ĵurnaleto „Bene Sociale". Ĉio nun ripozas malgraŭ la favoraj perspektivoj de la kontraŭalkohola kongreso en Milano 1913. La itala registaro ordonis la fermon de la restoracioj je 10 h. ½.

En *Svisujo* komencis la Blua Kruco en 1875, en 1890 venis la Kontraŭalkohola Ligo kaj en 1892 la Bontemplanoj. En la okdeka jaro la Konfederacio enkondukis la alkoholan monopolon, tiel interesigante la Kantonojn al la vendo de brando. Estis provo el la modereca periodo, plikarigi la brandon je la favoro de la malpli danĝeraj trinkaĵoj: vino kaj biero. La rezultato de tia kiel de ĉiuj similaj provoj estis tre modesta; la abstinenca movado restis tre necesa kaj disvolviĝis.

Krimo de absintulo okazigis en 1905 popolan movadon. Iniciato de la abstinenculoj por la plena malpermeso de la absinto, malgraŭ la malrekomendo de la registaro, estis akceptata kun granda plimulto per popola voĉdonado.

Hodiaŭ la abstinencaj societoj en Svisujo havas proksimume 53,000 plenaĝajn kaj 62,000 junulajn membrojn; do proksimume 3 % de la loĝantaro estas organizataj abstinenculoj. Oni komencas nin serioze atenti.

La mobilizo de 1914 okazis sobre, la influo de la registaro kaj de multaj bonintencaj oficiroj havigas favorajn rezultatojn en la armeo. Notinda estas la societo por soldata bonfaro, fondita de virinoj kun subteno de la militestraro. Ĝi havigas al la soldatoj multajn senalkoholajn kunvenejojn, simile al la Kristanaj Unuiĝoj de junaj viroj en Anglujo. Baldaŭ post la militeksplodo oni malpermesis ĉiun brandfaradon el tritiko. La abstinenculoj alcelas, ke oni malpermesu ĉian misuzadon de manĝaĵoj por alkoholaj celoj: rizo, sukero, fruktoj, k. t. p. Plie, ili deziras plenan malpermeson de l' brandfabrikado kaj esperas iam atingi la lokan malpermeson.

En *Hispanujo, Portugalujo* kaj *Grekujo* nenio estas farita. Oni diras, ke en *Rumanujo* la registaro intencis malpermesi la brandon.

*Belgujo* estis antaŭ la milito preskaŭ en la sama situacio kiel Francujo. Laŭ nia scio, la abstinenca ŝtatministro Vandervelde ricevis de la belga registaro la komision ellabori kontraŭalkoholan leĝon.

En *Japanujo* ekzistas malgranda nacia abstinenca societo laŭ la angla modelo. Ankaŭ tie bedaŭrinde kreskas la trinkemo de la antaŭe tre modera popolo.

*Ĥinujo* sciis bone sin memdefendi kontraŭ la opiuma danĝero. Ni ne dubas, ke ĝi ankaŭ kapablos batali kontraŭ la eŭropa alkohola influo.

La nova respubliko *Panama* enkondukis sub la gvidado de Usono la plenan malpermeson kaj prosperas sub ĝi.

Krom tio nenio speciala estas notinda pri centra kaj suda Ameriko.

* * *

El la citita fakto montriĝas, ke ĉie kleraj homoj ekkomprenis la gravan danĝeron de la uzado de ĉiaj alkoholaj trinkaĵoj kaj pli-malpli sukcese ĝin kontraŭbatalas. El la faktoj ankaŭ klare vidiĝas, ke la bonintencaj admonoj al modereco, kaj la por tiu celo fonditaj societoj tre malmulte efikis. Jam de multaj jarcentoj la modereco estis predikata, kio, ĉar la grandaj interesoj de la alkoholvendistoj pli multe pezas ol la publika bonfarto, ne malhelpis la plian enalkoholiĝon de la Eŭropaj popoloj. Kontraŭe, la severa principo de plena sindeteno de ĉiu alkolola trinkaĵo montriĝis ĝusta. Ĝi sole estas klara, senescepta, kaj lasas neniun lokon por kompromisoj. La sperto multfoje pruvis kiel bone kaj feliĉe multaj milionoj da homoj povas vivi sen alkoholo, kaj kiel progresas la landoj, kies ekonomia laborforto sin direktas al utila produktado. La alkohola demando estas, krom la milito, la plej grava de l' nuntempo. Ni esperu, ke ĝi estos en sia tuta socia amplekso komprenata de ĉiuj, kaj ke multaj havos la energion, akcepti la oferon de plena sindeteno por la bono de l' homaro.

*Prof. D-ro A. Forel.*
Trad.: *Ed. St.*

# ✱ NOTOJ ✱

∴ **Por la infanoj.** — Kun la helpo de la plej bonaj nuntempaj verkistoj, la rusa literaturisto Maksim Gorki penas krei porinfanan libroserion, kiu enhavos la biografiojn de la grandaj spiritoj de la homaro. Li mem eldonos la librojn. „En la nuna tempo, skribas la rusa verkisto, neniu pli ol la infanoj bezonas nian atenton. Ni plenaĝuloj baldaŭ foriros el tiu mondo, ni lasos al niaj infanoj tre mizeran heredaĵon, tre malĝojan vivon. Tiu milito estas la tuŝebla pruvo pri nia morala malforteco, pri la dekadenco de nia kulturo. Ni do rememorigu al la infanoj, ke ne ĉiam la homoj estis tiel malfortaj kaj malbonaj, kiel ni, ho ve! estas. Ni rememorigu al ili, ke ĉiuj popoloj havis kaj ankoraŭ nun havas grandajn homojn, noblajn korojn! Estas necese tion fari ĝuste en la nunaj tagoj, kiam venkas la krueleco kaj la besteco."

Prava estas la rusa verkisto: la sekvonta generacio bezonas noblajn ekzemplojn kaj precipe alian literaturon ol tiun naskitan de la milito. Kiu ne rilatis kun infanoj, tiu ne povas scii ĝis kia grado la infanoj estas venenitaj de la milita literaturo. Ni konstatis ĉirkaŭ ni terurigajn ekzemplojn, kaj ĉiutage vidas, ke epidemie disvastiĝas la malbono. Anstataŭ laŭdegi la mortigadon, oni, kiel diras Gorki, inspiru al la junularo la amon kaj la fidon al la vivo. Se ni volas, ke niaj idoj vidu pli bonan tempon, ni preparu ĝin por ili, ni zorgu, ke la heredaĵo de ni lasota ne estu tro peza por ili. Ĉiuj virinoj kaj patrinoj havas la devon, veki en la infana animo la deziron, agadi pli bone ol ni kaj la konscion pri ilia prirespondo. — Komunikita de la *Monda Unio de la Virinoj,* Genève.

---

En la eduka problemo kuŝas la granda sekreto de la perfektigo de l' homaro. — *Kant.*

La edukado povas ĉion, eĉ dancigi ursojn. — *Leibnitz.*

Plej grava estas la unua edukado; ĝi nekontesteble apartenas al la virinoj. — *J. J. Rousseau.*

Kiu ne volas, ke la kampulo sciu legi kaj skribi, tiu sendube eltiras renton el lia malklereco. — *Mirabeau.*

La estonto de la infanoj ĉiam estas la verko de iliaj patrinoj. — *Napoleono.*

Nur dum la juneco estas forĝebla la homa spirito. — *Pitagoro.*

La edukado kreas pli da honestaj viroj ol la naturo. — *Demokrito.*

## LITERATURO

# La ledovendisto

De **Felix Möschlin**

Lia deziro ne estis supermezura. Ĝis la kvindeka jaro li volis diligente labori, sed poste li vendos sian ledokomercon, ie instalos sin kiel rentulo kaj ĝuos la vivon.

Kaj ĉar li deziris tion sincere kaj senlace, ankaŭ evitis ĉiun deflankiĝon de l' vojo de honesta leda komerco, lia idealo fariĝis realaĵo je la esperita epoko.

Venis la memorinda tago, kiam lastfoje li eniris sian magazenon. Tion li faris kun certa soleno kaj graveco. Kaj li laboris ĉe la pupitro kiel ĉiam, staris malantaŭ la vendotablo kaj faris la kutiman rondiron tra la provizejo, kies vojetojn li estus trovinta en plej malluma nokto.

Ĉio tio estis nun vendita kaj morgaŭ apartenos al alia. Li ne povis malhelpi, ke kelkaj larmoj brilis en liaj okuloj, kiam vespere li fermis la pordon de la magazeno iom pli malrapide kaj pene ol ĝis nun.

Sed poste li pensis, ke nun li ja ĝuos la vivon, kaj kun energia brakmovo li forjetis la larmojn el la okuloj sur la manikon, kie ili ekbrilis momenton kaj malaperinte lasis nigrajn makuletojn sur la lano.

Tiel la melankolia eksento forpasis, kaj gaje li iris sian vojon. Renkontinte belan junulinon ĉe la proksima angulo li ridis al ŝia vizaĝo.

Ne ke li estus intencinta ion specialan, tio ne estis lia maniero; li tute senkulpe cedis al la bezono ride alrigardi homon, ĉar li sentis sin feliĉa.

Nun li estis libera homo, posedanta tiom da mono en la banko, ke li ne plu bezonis labori, kiu ĉiuhore, kie kaj kiam plaĉis al li, havis la rajton, pensi pri aliaj aferoj ol pri la ĉiamaj ledoj: plandledo, superledo, ĉevalledo, bovinledo, porkledo, juftledo, sveda ledo, glacea ledo, kaprina ledo, marokeno kaj foko! Dio estu laŭdata, li estis liberigata je ili!

La vesperon li trapasigis kiel kutime. Li manĝis, kion la mastrumistino metis sur la tablon. Poste li legis, kion lia gazeto bonvolis alporti al li. Je la naŭa kaj duono li metis sin en la liton, unue kvin minutojn sur la maldekstran, poste definitive sur la dekstran flankon, kiel li kutimis de multaj longaj jaroj.

Kiam li vekiĝis, estis jam la duono post la sepa. Li ektimis. Je la oka li ja devis esti en la magazeno! Li saltis el la lito kaj metis la ŝtrumpojn.

Sed alvenis la penso, ke li vendis la magazenon kaj ke de nun estos lia sola okupo: ĝui la vivon.

Tuj li forigis la ŝtrumpojn kaj rampis ree en la liton. Hodiaŭ li volis bone plendormi.

Sed la dormo ne volis veni, kvankam li kuŝigis sin unue sur la maldekstran, poste sur la dekstran flankon kaj fine eĉ sur la dorson.

Post duona horo li havis kapdolorojn. Li nun devis sin starigi, vestiĝis kaj trinkis la kafon.

Kio nun?

Ĝui la vivon, kompreneble!

Sed kiel?

Li klopodis klarigi, kion de multaj jaroj li estis kompreninta sub ĝuo de la vivo. Sed tio ne estis tiel facila. Li ekvidis, ke fakte li neniam imagis ion certan.

Pri la vivĝuado li ne sciis pli ol pri la ĝojoj de la ĉielo, ĉefe, ke devas esti io bela. Sed kio? Certe io, kio ne rilatas al leda komerco. Li estis ja vendinta sian magazenon por ĝui la vivon. Tamen li ne antaŭvidis, ke tio postulos tian pripensegon.

Li ne perdis kuraĝon. Malfacila estas ĉiu komenco, do, rekte antaŭen! Ĉu li ne aŭdis de tiu kaj alia, ke ili ĝuis la vivon? Certe. Li nur bezonis vivi kiel ili, tiam lia deziro certe efektiviĝos.

Unu trinkis bongustajn vinojn kaj fumis multekostajn cigarojn. Aha, jen jam estas! Ni notu do: vinoj, cigaroj!

Alia ĉiam promenigis beletajn junulinojn, ĉiutage alian.

Ni notu: ĉarmaj fraŭlinoj!

Tria legis librojn, rigardis bildojn, aŭdis koncertojn, iris en la teatron.

Ni notu ankaŭ: libroj, bildoj, koncertoj, teatro!

Kvara kuŝis la longajn tagojn sur herbejo kaj rigardis al la ĉielo.

Ni notu: kuŝi sur herbejo, rigardi ĉielon!

Kvina vojaĝis tra la duona mondo.

Do: vojaĝi!

Nun sufiĉis: vinoj, cigaroj, junulinoj, libroj, bildoj, koncertoj, teatro, herbejoj, ĉielo, vojaĝoj ...

Kaj li provis la diversajn receptojn, unu post la alia.

Sed la vinoj faris al li kapdolorojn, kaj la cigaroj difektis la stomakon.

De la junulinoj li baldaŭ retiriĝis; en ĉiuj rilatoj ili postulis multege, kaj pli ol li ŝatis ili maltrankviligis lian noktripozon.

Super la libroj li ekdormis; bildoj estis al li tute egalaj; en la koncertoj li morte enuiĝis, kaj rilate la teatron li pensis, ke ĝi ne valoras la monon.

Sur la herbejoj li kaptis reŭmatismon, kaj la ĉielbrilo dolorigis liajn okulojn.

Kaj kiam li vojaĝis, li pensis, ke ĉio estas same kiel ĉe li.

Malbona estis lia vivĝuado. Alvenis sendormaj noktoj. Antaŭe li neniam havis tiajn.

Ah, kial li vendis la magazenon? Kiel bele estis komerci kun ledo. Vinoj, cigaroj kaj junulinoj neniel egalis bonan magazenon.

Li kunigis sian kuraĝon, iris ĉe la nova posedanto kaj demandis, ĉu li povus reaĉeti la komercon. Sed la alia nenion volis scii. „Ĉu eble li havus lokon por li?“ Ne! „Ankaŭ ne, se li ne postulus salajron?“

Tiam la nova posedanto montriĝis cedema kaj akceptis lin kiel provizejestron. La kvindekjarulo dankis plenkore.

Nun li estas denove ĉe sia ledo: plandledo, superledo, ĉevalledo, bovinledo, porkledo, juftledo, sveda ledo, lakledo, glacea ledo, kaprina ledo, marokeno kaj foko. De la oka matene ĝis la sesa vespere li laboras. Salajron li ne ricevas.

Sed li ĝuas la vivon!

Trad.[1]: *Ed. Stettler.*

[1] El kolekto de Svisaj Aŭtoroj. — Huber & Comp., Frauenfeld, 1917.

---

# *Al niaj abonantoj*

*La plimulto de la abonoj al nia gazeto finiĝas en la monato decembro. Ni tre petas niajn legantojn, ke ili bonvolu sendi sian reabonon tuj post la ricevo de tiu ĉi N-ro (5 Fr., svisa valoro, por la ordinara eldono; 6.25 Fr., por la luksa eldono).*

*Pro la kreskanta plialtiĝo de la paperprezoj, la mobilizo de multaj samideanoj, la malhelpoj de la cenzuro en pluraj landoj, la gravaj monkurzaj diferencoj, nia gazeto vivas en nefacilaj ekonomiaj kondiĉoj. Por ke ĝi povu daŭrigi sian taskon, aperante same ofte kaj samamplekse kiel ĝis nun, necese estas, ke ĉiuj abonantoj restu al ĝi fidelaj kaj regule repagu sian abonon. Ni konscias, ke aperante eĉ en la nuna tempo nia organo utile servas la interesojn de la Esperanto-movado. Kiu tion komprenas, subtenu nin efike!*

# KRONIKO

**Ni petas, ke oni bonvolu sendi ĉiujn komunikaĵojn utilajn por la redaktado de tiu kroniko ĉiumonate antaŭ la 20ª. Ni plezure enpresos ĉiujn informojn pri kursoj, paroladoj, novaj grupoj, festoj, k. t. p., kaj — tiom kiom ili havas neŭtralan karakteron — komunikojn de la naciaj societoj, kies organo estas momente interrompita.**

## Aŭstrio-Hungario.

*Budapest:* La urbestraro starigis dum la pasinta jaro inform-oficejon por la fremduloj. Nia tiea Del., S-ro Jenö Forster, kaptis la okazon por la propagando de nia afero. Per siaj klopodoj li sukcesis veki intereson por nia lingvo ĉe la direktantaj personoj, kiuj promesis, uzi Esp. por la propagandaj celoj de la nova oficejo. — *Červený Kostelec:* F-ino Šupichová faris kvar paroladojn pri la historio de Esp. S-ino B. Kejzlarová vigle propagandas. — *Eger:* Kurso por komencantoj kun 20 partoprenantoj kaj perfektiga kurso kun 10 lernantoj okazas sub la gvidado de S-ro K. Hell, Del. La kunvenoj okazas ĉiumarde en „Ratskeller". — *Görkan:* S-ro prof. Murath, el Olmütz, faris bone vizititan propagandan paroladon, kiun sekvis kurso kun 25 partoprenantoj, gvidata de S-ro Malwald. — *Komotau:* S-ro Murath faris propagandan paroladon antaŭ grandnombra aŭdantaro. — *Oderfurt:* S-ro Steinhauer gvidis kurson. Nova estas aranĝota. Loka gazeto favore raportis. — *Praha:* Novan elementan kurson gvidas F-ino L. Dandova, kurson por progresintoj instruas F-ino J. Šupichová. En la gazeto „Čech", F-ino Šupichová redaktas novan Esp. rubrikon. Aperis nova malgranda Esp. lerno-libreto por bohemoj, verkita de F-ino Šupichová. Prezo: 1 Kr. — *Prerw:* Kontentiga kurso sub gvidado de S-ro Steinhauer estis aranĝita; oni intencas malfermi novan kurson. — *Wien:* La unuiĝo „Fideleco" kaj Instruista Esp. Unuiĝo okazigis novajn kursojn. En la asocio de la kontraŭalkoholuloj, S-ro Fr. W. Illing malfermis kurson. La Aŭstria Ligo Esp. aranĝis diservon je la honoro de sia protektantino Sankta Hildegardo. Pastro F. de Paulo Mertan faris la predikon. Poste sekvis impresaj ĥoroj.

## Belgujo.

*Antwerpen:* S-ro Frans Schoofs gvidas kurson. — *Charleroi:* La grupo kontentige funkcias kaj akiris multajn novajn membrojn.

## Britujo.

*Bolton:* La grupo aranĝis propagandan kunvenon, ĉe kiu paroladis S-ro Brown. Rezultate de tiu peno tri elementaj, unu mezgrada kaj unu altgrada kurseto nun okazas. — *Bradford:* Ĉiumonate estas aranĝata propaganda parolado. Kurso okazas ĉe la Mechanics' Institute. — *Edgware:* S-ro T. J. Reif paroladis ĉe la Skoltoj; kurso sekvos. — *Edinburgh:* F-ino Stewart gvidas elementan kurson kaj S-ro Harvey mezgradan. — *Glasgow:* Granda kunveno komencis la sezonon. S-roj Douglas Buchanan kaj Cedric F. White paroladis. Okazas nun kvar kursoj. S-ro White faris paroladojn ĉe kelkaj lokoj. — *Grange-over-Sands:* Ĉe la malferma kunveno de la Literatura kaj Scienca Societo, S-ro W. J. Pratt faris utilan propagandan paroladon pri D-ro Zamenhof kaj Esp., sub la titolo „La vivo de idealisto kaj lia ellaboraĵo". Kontentiga aŭdantaro aŭskultis atente kaj simpatie. — *Hastings:* Estas aranĝita parolado pri la komerca valoro de Esp.; la rezultato estis pliaj lernantoj ĉe la kursoj. — *Leeds:* Du kursoj estis komencataj kun granda nombro da lernantoj. — *Liverpool:* La grupo aranĝis sukcesan fest-kunvenon. — *London:* S-ro A. Barton Kent faris gravan kaj tre interesan paroladon pri Esp. kaj la postmilita komerca rekonstruado. Kursoj estas starigitaj ĉe la Morley College, en Watford, en Muswell Hill, en Willesden. Fondiĝis B. E. A. Literatura kaj Debata Societo por parola ekzercado de Esp. — *Newbury:* S-ro P. J. Cameron faris paroladon. — *Torquary:* F-ino Mitcalf paroladis en la Teozofia Salono; la aŭskultantaro sin montris tre favora. — *Truro:* Ĉe la komerca lernejo, okazas du kursoj kun 64 lernantoj. — *Wallingford:* S-ro S. Jackson gvidas kurson.

## Francujo.

*Lyon:* La Esp. Rondo aranĝis ĉiumardan kurson sub la gvidado de S-ro Jabœuf. La Socialista Lernejo enskribis la unuan fojon Esp. kurson inter la multaj de ĝi organizataj kursoj.

## Germanujo.

*Dresden:* Dum la nuna jaro okazis ĉiumonate bone vizitata kunveno de UEA, sub la gvidado de nia fervora Del., S-ro Nicolai. Entute 270 personoj partoprenis en tiuj kunvenoj, kie ĉiufoje okazas parolado de sperta samideano pri komuninteresa temo. Ĉe la oktobra kunveno de UEA, S-ro Johne interese rakontadis siajn vojaĝimpresojn pri monto Tatra. Ĉe la novembra, S-ro Schneider paroladas pri sia ekskurso tra Svisujo kaj Italujo. — *Essen:* Post publika kunveno, 20 personoj sin enskribis por nova kurso. — *Leipzig:* Nova kurso estas komencita. S-ro Stucke faris paroladon en „Volkswohl". Ankaŭ tie kurso estas aranĝota, same kiel en la Saksa Esp. Instituto. — *Münster i. W.:* La dua militkunveno de la Rejnlanda-Vestfalia Ligo bone sukcesis. S-ro A. F. Runte faris trafan paroladon pri Esp. kaj la milito. Poste estis traktitaj diversaj administraj kaj organizaj demandoj. Oni esprimis la deziron, ke dum 1918 okazu Esp. germana kongreso.

## Nederlando.

*Arnhem:* S-ro Froweijn sukcese paroladis antaŭ stenografa societo. La grupo donas nun du kursojn. Okazis tre sukcesa bicikletekskurso en kiu partoprenis 45 diverslokaj samideanoj. — *Hago:* La dua ĉiumonata kunveno en tiu ĉi sezono okazis kun kontentiga sukceso. Por la 14 decembro estas preparata Zamenhof-vespero. En la gazeto „De Toekomstige Vrede" (La estonta paco), organo de la nederlanda kontraŭmilita Ligo, S-ro C. Chr. Droogendijk verkis artikolon pri la neceso de Esp. por la paca movado. — *Harderwijk:* Pro transloĝo de S-ro Zwaenepoel, la centra oficejo estas nun en la barako 15ª anstataŭ 50ª. La 1ª monata kunveno de la Asocio estis tre interesa; multaj samideanoj ĉeestis. S-ro Demeerseman paroladis pri la neceso de Esp. en la lernejoj. S-roj Bonabo kaj Zwaenepoel ankaŭ paroladis. — *Hengelo:* Pro la dujara ekzistado de la klubo, okazis festvespero, en kiu ĉeestis ĉ. 200 personoj. Por nova kurso sin enskribis 20 personoj. — *Rotterdam:* Okazas nun du kursoj por fervojistoj sub la gvidado de S-roj Woortman kaj Verschoof. Nova kurso kun 30 infanoj estis komencita ĉe la Ordeno de Bontemplanoj; kursgvidanto estas S-ro J. W. F. Poolen. En la okcidenta kvartalo nova klubo estas fondita. Ankaŭ S-ro Poolen estas tie kursgvidanto; baldaŭ sekvos alia kurso por infanoj de tiu kvartalo. — *Zeist:* Inter la belgaj internigitoj estis fondita grupo „Ĉiam antaŭen", kiun prezidas S-ro F. de Baeker. Post ekspozicio okazonta en decembro, novaj kursoj estos aranĝataj.

## Rusujo.

*Kamišin:* Fondiĝis Esp. Societo, kiu unuiĝis kun la loka kulturkleriga komitato. Estas organizataj ekspozicioj, kursoj kaj paroladoj.

## Svedujo.

*Helsingborg:* La klubo aranĝis propagandan kunvenon en la Popola Domo. S-ro Backman faris aplaŭditan paroladon. — *Stockholm:* La sekr. de „Verda Stelo", S-ro T. Rosengren, sukcese daŭrigas la propagandon. Li komencis la sezonon per granda parolado pri Esp. kaj UEA en la Societo de la Teatramantoj, kies tribuno estis bele ornamita per Esperantaĵoj kaj la portreto de Zamenhof. Kurso komenciĝis. Poste S-ro Rosengren paroladis en la Popola Domo en *Sundbyberg.* Klubo fondiĝis. Por la kurso sin enskribis 38 personoj.

**Svisujo.**

*Genève:* S-ro R. Richez, sekretario ĉe UEA, gvidos kurson ĉe la Kristana Unio de Junuloj. — *Lausanne:* La „Bulletin Féminin“, organo de la Virinaj Unuiĝoj de franclingva Svisujo, aperigis, sub la subskribo A. S., bonan artikolon pri nia lingvo. — *Locarno:* Nova kurso estas komencita sub la gvidado de Prof. Olivier. — *Zürich:* La gazeto „Merkur“, organo de la svisaj komerco-vojaĝistoj, publikigas artikolon pri la postmilita neceso de Esp. en la komercaj rilatoj.

**Brazilujo.**

*Arageĵú* (Sergipe): Ĉiuj jurnaloj aperigis ilustritajn artikolojn pri nia Majstro. — *Belem* (Para): D-ro Nuno Baena aperigas Esp. rubrikojn en la gazeto „Estado de Pará“. Li nun direktas kursojn en „Seminario“ kaj en „Lernejo Baena“ kaj per korespondado. — *Laguna* (S. Catharina): Bona artikolo de S-ro A. F. Gomes aperis en „O Albor“. — *Maceio* (Alagoas): La gazeto „Pyrausta“ publikigis ilustritan artikolon pri D-ro Zamenhof. — *Rio de Janeiro:* S-ro J. B. Mello e Souza gvidas kurson ĉe la Normala Lernejo; 60 lernantinoj sin enskribis. S-ro F. Almeida Junior instruas nian lingvon ĉe la blindul-instituto Benjamin Constant. S-ro Odillo Pinto malfermis novan kurson ĉe la sidejo de Brazila Esp. Klubo.

**Meksikujo.**

*Mexico:* La grupo sidas nun 53, Avenida Uruguay, oficejo 21. Ĝi donas informojn pri nia lingvo, starigas kursojn kaj organizas servojn per Esp.

## DIVERSAĴOJ

.·. **Esperanto en la lernejoj.** — Sekve de la Eccles-eksperimento pri instruado de nia lingvo al infanoj (vidu *„Esperanto“*, N-ro 203/204), plimultiĝas en Anglujo la publikaj lernejoj, kiuj aranĝas Esp. kursojn por infanoj. Laŭ la lasta N-ro de *„British Esperantist“*, nia lingvo estas nun instruata en Beechstreet Council School, Eccles, al 120 infanoj. Greenlane School havas kurson kun 120 kaj la Holycroft Elementary School, Keighley, kurson kun 40 infanoj. Fine, ĉe la Eastwood Girls School, S-ino Belfield gvidas kurson al 110 lernantinoj.

Imitindaj ekzemploj!

.·. **UEA en Londono.** — Nia nova Del. en London, S-ro P. Blaise, fervore agas por disvastigi nian Asocion. Li komunikas al ni, ke de la 1 majo ĝis la 31 oktobro li ricevis 264 leterojn kaj skribis mem 573, el kiu pli ol 150 rilatis al servoj diversaj (serĉoj rilate al perditaj soldatoj, perado de leteroj, serĉado pri komercaj firmoj, k. t. p.). Monkolekto aranĝita por favori la disvastigon de UEA en angle-parolantaj landoj produktis la sumon de 32 funtoj.

## TRA LA GAZETARO

.·. *„British Esperantist“* (novembro) enhavas artikolon pri S-ro Boirac kaj multfaktan kronikon.

.·. *„Esperanto Monthly“* (oktobro) publikigas en angla lingvo interesan studon de S-ro W. M. Page pri la maniero fondi Esp. grupon. Plie aperas „praktikaj sugestoj por instrui al infanoj“, propagandaj notoj kaj konkurso por geknaboj.

.·. *„France-Esperanto“* (julio — aŭgusto) daŭrigas publikigi ekstraktojn el jurnaloj pri la morto de nia Majstro. Ampleksa kroniko, bibliografio kaj literaturaĵoj.

.·. *„Germana Esperantisto“* (septembro—oktobro). Eldono A enhavas impresojn pri la Esp. tago en Essen, artikolon de Prof. Herrmann pri germana skribo kaj latina skribo favoran al tiu lasta, komunikaĵojn pri la trompisto Stephan, bone konata en la germanaj Esp. rondoj kaj kronikon. En la eldono B literaturaĵoj, i. a. fragmento de „Pan Tadeusz“, fama verko de la pola verkisto Mickiewicz, majstre tradukita de S-ro A. Grabowski. La scienca aldono *„Esperanto-Spiegel“* publikigas legindan artikolon de ĉefredaktoro Hartenfels pri la germana gazetaro kaj Esp. — En la novembra N-ro oni anoncas, ke pro la paperkrizo la gazeto aperos de nun nur kun ok paĝoj. Alvoko de Prof. D-ro Dietterle por komuna laboro sur la scienca kampo, kroniko, diversaj komunikoj, lingvaj ekzercoj. En la aldono *„Esperanto-Spiegel“* aperas resuma Esp. gramatiko por kleruloj, de D-ro A. Wadner.

.·. *„Holanda Pioniro“* (oktobro) publikigas artikoleton pri Esperantujo dum la milito kun ekstrakto el la raporto de UEA, lingvan fakon, bibliografion, informojn de la grupoj kaj fremdan kronikon. En la novembra kajero, artikolo pri la tasko de UEA, lingva fako (artikoleto de S-ro J. L. Bruijn favore de la novaj afiksoj -iv, mis- kaj retro-, kaj nefavora respondo de la redakcio), riĉa kroniko kaj oficialaj komunikaĵoj.

.·. *„La Espero“* (oktobro) aperigas alvokon por la 1a Skandinava Esp. Kongreso en Gotenburgo (6—10 aŭgusto 1918), kronikon pri la sveda kaj norvega movado, literaturaĵojn kaj bibliografion. En la novembra N-ro, propagandaj artikoloj svedlingve, bibliografio, kroniko, literaturaĵo, letero de la Direktoro de UEA responde al plendo pri neapero de la Jarlibro, k. t. p.

.·. *„Svisa Espero“* (oktobro) aperigas protokolon pri la kunveno de Svisa Esp. Societo en Bern kaj la daŭrigon de la trilingva gramatiko verkita de S-ro de Saussure.

.·. Aliaj ricevitaj gazetoj: *„Esperanto-Raporto“* de Centra Dana Esp. Ligo (septembro-oktobro), *„Nederlanda Katoliko“* (oktobro—novembro), *„La Esperantisto“* de La Plata (septembro).

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO

**Administraj informoj pri la jaro 1 novembro 1916 ĝis 31 oktobro 1917.** — Kiel kutime ni fermis la kalkulojn de UEA je la fino de oktobro kaj kontroligis ilin per reprezentanto de la Svisa Banka Societo en Ĝenevo. Lia raporto, enskribita en la ĉeflibro, estas:

La subskribinto plenumis la kontrolon de la bilanco kaj konstatis ĝian plenan konformecon kun la saldoj de la ĉeflibro kaj de la specialaj kontoj. Plie, travidinte la bankajn konteltirojn, li konvinkiĝis pri la ekzisto de la bonhavoj kaj trovis ĉion en perfekta ordo.

*Ĝenevo*, la 16 novembro 1917. *J. Schmied.*

*Bilanco.* — Valoro en svisaj frankoj.

| *Aktivoj* | Fr. | *Passivoj* | Fr. |
|---|---|---|---|
| Kaso | 97. 10 | Bonhavo ĉe „Esperanto“ | 1950. 24 |
| Bankoj | 2828. 80 | Konthavantoj | 157. 37 |
| Debitoroj | 595. 55 | Konto 1918 | 106. 95 |
| | | Komerca Konto | 386. 89 |
| | 3521. 45 | | 2601. 45 |
| Perdo de l' jaro | 180. — | Antaŭa havaĵo | 1100. — |
| | 3701. 45 | | 3701. 45 |

La saldo de la „Konthavantoj“ estas tre malalta pro granda ŝuldo de bona kontulo, kies jam farita pago ne ankoraŭ alvenis en Ĝenevo. Entute 60 konthavantoj bonhavas Fr. 1178. 43 kaj 4 konthavantoj ŝuldas Fr. 1021. 06.

Nia kapitaleto denove malpliiĝis ĝis 920 Fr. La perdo el la kutimaj spezoj estis pli alta ol 180 Fr., sed ni sukcesis ĝin parte egalbalanci per ricevita pago de malnova, necerta bonhavo kaj per la donacoj, kiuj sumas Fr. 356. 47. Kore dankante al la bonfarintoj ni rekomendas al ĉiuj Delegitoj kaj membroj tiun simplan sistemon de helpado: okaza alsendo de kelkaj pliaj frankoj, transigo de saldo el iu negoco kaj aliaj por la ekspedinto ne gravaj oferoj povas bone efiki, se multaj samideanoj kunhelpas.

Specialaĵo de tiu jaro (kaj verŝajne ankaŭ de la estontaj) estas la ricevo de fremdlandaj bankbiletoj, ne ŝanĝeblaj pro la kurzo. Por relative altaj sumoj „*Esperanto*“ kaj UEA havas nun francan, germanan kaj rusan papermonon, kiun parte ni devis preskaŭ plenvalore akcepti. Restas nur ĝin amortizi laŭpove, kio estas malrapida, kaj esperi, ke baldaŭ post la milito la kurzoj egaliĝos. Kiu havis ankoraŭ iluziojn pri la utilo de la Spesmila sistemo, bazanta sur oro, povas nun lerni el la faktoj: la lingvo Esperanto taŭgas por ĉia uzado; la Spesmilo ne eltenis la pruvon. — En paca tempo ni akceptis kaj ree akceptos la fremdajn pagilojn nur je la kurzvaloro; tiel ni agas ankaŭ dum milittempo por la Garantia Kapitalo, ĝia pligrandiĝo ne speciale urĝas, kaj la enpagoj alcelas ankaŭ favorojn postmilitajn. Kontraŭe ni deziras, se eble, eviti saman rigidecon pri la repago de la jaraj kotizaĵoj. En kelkaj landoj 2. 50 svisaj frankoj signifas nuntempe la duoblon aŭ eĉ pli de la antaŭmilita valoro; tiom postulante ni do riskus nenion ricevi. La plej bona solvo estus granda, aŭ almenaŭ relative granda nombro da membroj, ekzemple 5000. El tiom da kotizaĵoj, eĉ se ĉiu el ili pro la kurzo estus malpli valora ol kutime, ni povus vivi. Se ni tion ne atingos, ni estos devigataj fiksi, interrilate kun la ĉefaj Delegitoj, por ĉiu lando prezojn en nacia mono, kiuj almenaŭ parte kovros la kurzdiferencon. La Markoj, Rubloj, Kronoj kaj aliaj moneroj perdis la duonon aŭ pli de sia valoro; pliiĝo de triono estus do bone pravigita. La samaj motivoj valoras, eĉ en pli alta grado, por la gazeto „*Esperanto*“. Pro la plikariĝo de ĉio la elspezoj kreskas, dum por unu abono ĝi ricevas anstataŭ 5 Fr. ofte nur 2 aŭ 3.

Pri la malprogreso de UEA dum la milito donas indikojn la suba tabelo. Ilia malĝojigeco ne estas kaŭzo malkaŝi la veron.

| | *1913* | *1914* | *1915* | *1916* | *1917* |
|---|---|---|---|---|---|
| Pagintaj Membroj . . | 6010 | 6956 | 2412 | 2468 | 2191 |
| Pagintaj Subtenantoj . | 149 | 136 | 143 | 111 | 104 |
| Dumvivaj Membroj . . | 117 | 141 | 144 | 150 | 161 |
| Sumo de la Membroj . | 6276 | 7233 | 2699 | 2729 | 2456 |
| Elspezoj por Jarlibro, Fr. | 5,170.85 | 5,848.30 | — | 1,377.50 | 297.— |
| Spezoj de la Centra Kaso | 185,304.53 | 164,636.25 | 106,354.89 | 81,366.65 | 64,863.29 |
| Movado de la korespond. | 39,688 | 40,463 | 97,415 | 31,199 | 18,972 |

La statistiko de la membroj kaj spezoj ne bezonas komentarion. La salto de la poŝta movado dum 1915 devenas de la perado de leteroj, utila servo nuntempe ne plu farebla por la malgrandiĝo de la bezono, la poŝtaj malfaciliaĵoj kaj manko de oficistoj.

Dum la pacaj jaroj ni povis elspezi por la Jarlibro proksimume 80 cent. po membro, 40 % de la ricevita kotizaĵo, kaj tamen kontentige ekzisti. Post unu jaro sen iu ĝenerala presaĵo ni riskis en 1916 denove la eldonadon de Jarlibro (50 cent. po membro, 123 kontraŭ 302 paĝoj) kun la sukceso, ke ni eĉ ne gajnis 50 pliajn membrojn kaj perdis multe da mono. Tiun jaron ni limigis nin je raporto modeste presita; eĉ se oni aljuĝus la tutan novan perdon de 263 membroj al tiu eldono, nia „ŝparprocedo estus plene pravigata per la granda diferenco de la kostoj. Sciante, ke kelkaj membroj ree deziras Jarlibron kaj publike plendis pri ne-agado de UEA, ni atentigas, ke Jarlibro kostus ne nur pli ol 1500 Fr., sed ankaŭ pliiĝus la salajran konton, ĉar la nuna malmultnombra oficistaro ne povus ĝin ellabori. Konsiderante, ke pro la milito la Jarlibro nek utilas al la granda plimulto de niaj membroj, nek havigas al ni novajn adeptojn, ni malakceptas la respondon fari tian ruinigan elspezon. Ĝis la militfino aperos do nuraj raportoj.

Malgraŭ tiuj faktoj, UEA, tio estas ĝia oficejo, ne estas en danĝero, finance ĝi povos bone elteni pliajn militjarojn per la helpo de la Garantia Kapitalo. Sed estus bedaŭrinde, uzi la monon de fideluloj, kiuj antaŭpagis por la tuta vivo sian kotizaĵon kaj abonon, por kurantaj administraj elspezoj, faritaj por la profito de miloj da Esperantistoj, kiuj kun iom da bonvolo povus ilin pagi mem. Plie estas en danĝero la morala graveco de nia Asocio. Sep mil organizitaj Esperantistoj estas certa potenco, du aŭ tri mil malmulte imponas al eksteruloj; la nesufiĉa intereso, kiun la Esperantistoj montras je sia internacia organizaĵo senkuraĝigas la seriozajn kunlaborantojn kaj estas stranga kontrasto al la belaj paroladoj de niaj propagandistoj. Ke UEA ne povas multe servi nuntempe, tion klarigas la cirkonstancoj; ne-esperantistaj servoj internaciaj estas malfacile aranĝeblaj, ĉar ofte oni bezonus la helpon de iu ŝtatgrupo aŭ alimaniere riskus, ke nevole oni agus aŭ ŝajnus agi kontraŭ la principo de plena neŭtraleco. Tamen UEA atingis ŝatindajn rezultatojn kaj jam bone sukcesos, se en plena forto ĝi eliros el la monda krizo. Al tiu celo ĉiu Esperantisto helpu.

UEA, reprezentanto de la tutmonda movado, devus minimume havi kvar mil aktivajn membrojn. En la intereso de la afero ni petas ĉiujn Esperantistojn, precipe la redaktorojn de Esp. gazetoj, ke ili bonvolu disvastigi nian alvokon. Per vigla varbado oni savu de pereo tion, kio post la milito estos plej necesa.

La Vicdirektoro de UEA:
*Ed. Stettler*, Financa Fakestro.

**Repagado de la kotizaĵoj dum 1917.** — Ni ĉi-sube publikigas, laŭ vico de grandnombreco, la nomaron de la urboj, ĉe kiuj almenaŭ 10 membroj repagis la kotizaĵon por 1917:

| | | | |
|---|---|---|---|
| London . . . . . . | 118 | Barcelona . . . . . | 19 |
| Sevilla . . . . . . | 50 | Palma de Mallorca . . . | 19 |
| Rotterdam . . . . . | 49 | Petrograd . . . . . | 18 |
| Moskvo . . . . . . | 47 | Liverpool . . . . . | 17 |
| Lyon . . . . . . | 43 | Genève . . . . . | 15 |
| New York . . . . . | 42 | Lisboa . . . . . | 15 |
| s-Gravenhage . . . . | 39 | Bath . . . . . | 14 |
| Paris . . . . . . | 35 | Gefle . . . . . | 14 |
| Glasgow . . . . . | 33 | Huddersfield . . . . | 14 |
| Cordoba . . . . . | 29 | Magdeburg . . . . | 13 |
| Edinburgh . . . . . | 28 | Ufa . . . . . | 13 |
| Kristiania . . . . . | 27 | Zürich . . . . . | 13 |
| Berlin . . . . . . | 25 | Bradford . . . . . | 12 |
| Dresden . . . . . | 25 | Madrid . . . . . | 12 |
| Stockholm . . . . . | 22 | Varsovio . . . . . | 12 |
| Montevideo . . . . . | 21 | Eastbourne . . . . | 11 |
| Sabadell . . . . . | 21 | Firenze . . . . . | 11 |
| Detroit . . . . . | 20 | Kjöbenhavn . . . . | 11 |
| Rio de Janeiro . . . | 20 | Melbourne . . . . | 11 |
| Stuttgart . . . . . | 20 | Neuchâtel . . . . | 11 |

| | | | |
|---|---|---|---|
| Sheffield | 11 | Cardiff | 10 |
| Vitebsk | 11 | Krakow | 10 |
| Washington | 11 | Le Locle | 10 |
| Königsberg | 11 | Lodz | 10 |
| Newcastle on Tyne | 11 | Manchester | 10 |
| Astraĥan | 10 | Wien | 10 |

Entute 52 urboj kun 1120 membroj (pli ol 50 % de la nuna membraro). En la jaro 1916 estis 55 tiaj urboj kun 1174 membroj.

**Kotizaĵoj por 1917.** — Je la 31 oktobro estis enkasigitaj 2113 kotizaĵoj (el kiuj 118 subtenantoj). Krom tio estas 157 dumvivaj membroj. Sume: 2270. — *Esperantiaj Entreprenoj*: 51.

**Statistiko de la korespondaĵoj.** — Movado de la korespondaĵoj dum la monato oktobro:

| Ricevitaj | Forsenditaj |
|---|---|
| 465 | 433 |

*Tuta sumo*: 898. (Antaŭa monato: 803.)

**Subtenantaj membroj.** — Estas subtenanta membro de UEA ĉiu persono, kiu por helpado al la Asocio bonvolas pagi minimuman kotizaĵon da 5 Frankoj.

*Oka listo:*

103. S-ro H. Lethbridge (Port Elizabeth, S. Afriko). — 104. S-ro G. de Vries (Amabele, S. Afriko).

**Nova Delegito.**

*East Guilford* (Okcidenta Aŭstralio). — D.: S-ro E. A. Budge, scienca instruisto, Guildford Grammar School.

**Ŝanĝoj.**

*Seattle* (Usono, Washington). — D.: S-ino Luella J. Hurd, 4133, Burke Ave.

Provizore ne plu estas Delegito en *Vinhlong* (Koŝinĥinujo).

**Adresŝanĝo.**

*Kiŝinev* (Rusujo). — S-ro Krassovskij estas mobilizita kaj loĝas ĉe S-ro Ursasov, 66, Novoselskaja, kv. 46, Odessa.

# Esperantia Parolejo

## Instruado de Esperanto al gejunuloj

Mi kun intereso legis en „*Esperanto*" la artikolon pri „Instruado de Esperanto al gejunuloj" (N-ro 205/206); sed mi dubas, ĉu tiu ideo, kvankam tre utila, estas efektivigebla dum la milito. Malgraŭ klopodado de multaj da Esperantistoj nur malmulto estis ĝis nun atingita. La kaŭzo estas, laŭ mia opinio, jena:

Ni abunde zorgis pri instruado, lernolibroj, propagando, k. t. p., sed niaj klopodoj ne estis samtempaj en diversaj lokoj kaj diversaj landoj. Plie, ni zorgis pli multe pri la instruado ol pri la uzado. Mi volonte komparus nian lingvon (eble ne tute ĝuste) al supera telegrafaparato: Oni ĝin priskribis al ni kiel modela kaj facile ellernebla. Multaj aĉetis ĝin, sed forgesis instali la fadenojn kaj kunigi la ricevanton kun la sendanto. Restante ĉe tiu komparo, ni supozu, ke la aparato nur tiam valoras, kiam samtempe multaj akceptostacioj estas instalitaj kaj kiam la kondukiloj regule kaj senĝene funkcias. Dum la milito la instalo de aparatoj estas neebla pro manko de materialoj, t. e. pro manko de tempo kaj mono, kaj ankaŭ la komunikoj estas malhelpataj de la cenzuro. Tio kaŭzis, ke multaj da personoj, kiuj posedas la aparaton, forgesis ĝian uzadon kaj lasis ĝin rustiĝi. Estas do pli bone ne vendi nuntempe tiajn aparatojn, kaj atendi, ĝis kiam ni estos certaj, ke la posedanto ĝin povos senĝene uzi.

Se oni plivastigas la komparon oni povas konstati, ke la Esperantista movado en kelkaj lokoj subite malvigliĝis, por malrapide morti, kaj tio okazis ĝuste en lokoj, kie oni siatempe aĉetis multajn aparatojn. Tie estas nun tre malfacile vendi novajn (kio signifas en nia komparo „fari propagandon"). En Dresdeno, ekzemple, estas nun preskaŭ neeble organizi kurson, dum mi sendube facile trovus interesulojn por Esperanto en alia loko. Se oni plie konsideras, ke la lernantoj en la militantaj landoj pro monkolektoj, oftaj devigaj libertempoj, manko de instruistoj, ne sufiĉa observado, nutraĵo, k. t. p. povus nur supraĵe aŭ per perforta penado plenumi sian taskon, oni konsentos pri la opinio, ke la gepatroj kaj instruistoj nuntempe verŝajne ne permesus al la gejunuloj sekvi libervole la instruadon de Esperanto. Cetere neniu el tiuj lernantoj trovus hodiaŭ okazon korespondi kun fremdlandaj samaĝuloj, kolekti pere de tiu korespondado poŝtmarkojn kaj poŝtkartojn, k. t. p. Ankaŭ estas dube, se oni povus, pro manko de karbo, kiu nun eĉ en neŭtralaj landoj regas, hejti lokojn ekster la lernejoj.

Jen kion mi pripensis legante la suprecititan, cetere tre interesan artikolon. *K. v. Frenckell.*

# Alvokoj

## Ekspozicio ĉe internigitoj

Por ekspozicio, kiun ili intencas okazigi ĉirkaŭ la novjaro, la Esp-istoj el la internigejo de Zeist (Nederlando) plej danke ricevos ĉiujn Esperantaĵojn, precipe propagandilojn, grup-fotografaĵojn, cirkulerojn, katalogojn, k. t. p. Se dezirate, ĉio estos resendata post fermo de la ekspozicio. Por la biblioteko de la grupo, ili ankaŭ kun danko ricevos ĉiuspecajn librojn kaj precipe kantlibrojn, se eble kun muziko.

*Frans De Backer,*
28, Gerrit van Stellingwerfstr., *Amersfoort* (Nederlando).

# Lingvaj Studoj

## Nia nova rubriko

Laŭ deziro esprimita de niaj legantoj, ni nun, kiam ne plu ekzistas speciala gazeto por tio, decidis krei novan rubrikon dediĉatan al lingvaj studoj. Ni objektive pritraktos ĝeneralajn temojn pri la evoluo de nia lingvo, kaj aperigos pri gramatikaj, vortaraj aŭ sintaksaj demandoj la rimarkojn kaj kritikojn, kiujn ni opinias utilaj tiel por la pliriĉigo de nia lingvo kiel por la eduko de ĝiaj uzantoj.

Por ke tiu rubriko estu interesa kaj utila, necesa estas la kunlaborado de diversnaciaj kompetentuloj, verkistoj, vortaristoj, Esperanto-instruantoj. Ni plezure akceptos iliajn rimarkojn kaj kritikojn. Ni nur petas, ke ili bonvolu koncize redakti siajn notojn, gvidu sin laŭ la bezonoj de la praktiko kaj propra sperto, kaj ne traktu senutilajn subtilaĵojn. Proponoj pri sistemaj reformoj kaj diskutoj pri teoriaj plibonigoj ne estos akceptataj. Ni esperas, ke tiuj studoj liveros iam utilan materialon al la lingvaj aŭtoritatoj de nia movado por ilia estonta laboro.

* * *

## Vortaro

### 1. *Sciigi, sciigo*

Tiu vorto, cetere korekta, ne estas tre facile elparolebla, nek tre belaspekta pro la kombino *sc* kaj la du sinsekvaj *ii*, precipe se oni uzas ĝin en la plurnombra akuzativa formo: *sciigojn*. Tial estas konsilinde laŭeble malpliofigi ĝian uzadon — kio estas tiom pli facila, ke niaj vortaroj enhavas ne malpli ol tri vortojn, kiujn oni plej ofte povas uzi anstataŭ ĝi, nome *informi, komuniki, avizi*. La frazon „*ĉiujn sciigojn petu de* ...“ oni pli belsone povas esprimi „*ĉiujn informojn petu de* ...“. Anstataŭ „*mi sciigas al vi*“ oni prefere diru „*mi informas vin, ke* ...“ aŭ „*mi komunikas al vi* ...“.

### 2. *Apelacio aŭ apelo?*

La vortaroj tradukas per *apelacio* la juran idon A. *appellation*; F. *appel*; G. *Appellation*. El tio devenas logike la verbo *apelacii* respondanta al la A. *to appeal*; F. *appeler*; G. *appellieren*. Sed la finaĵo *aci-* estas peza kaj ĉe verboj neoportuna pro la ofta sinsekvo de du *ii (apelacii, apelaciis)*. Ĉu ne estus pli simple kaj pli konforme al la Esperanta genio, elekti kiel patro-vorton la verban radikon *apel-i*, el kiu devenos la substantivo *apelo*, pli bonsona kaj pli mallonga? Anstataŭ *apelacia kortumo* oni dirus *apela kortumo* aŭ eĉ *apelkortumo*, konforma al la F. *cour d'appel*. *Apelanto, apeljuĝi* kaj *apeljuĝisto* estas ankaŭ pli oportunaj ol *apelacianto, apelacie juĝi, apelacia juĝisto*.

### 3. *Interpelacio aŭ interpelo?*

Pri tiu en politiko ofte uzata esprimo oni povas fari la saman rimarkon kiel pri *apelacio*.[1] El *interpelacio* devenas la verbo *interpelacii* (A. *to interpellate*; F. *interpeller*; G. *interpellieren*), kiu naskas la longajn kaj ne oportunajn derivaĵojn: *interpelacianto, interpelaciato*. Pli simple estus deiri de la verba radiko *interpel-i*, el kiu sekvus *interpelo, interpelado, interpelanto, interpelato, interpelema, interpelrajto*, k. t. p. Konfuzo kun *inter-peli* ne estas timinda, ĉar tiu lasta esprimo estas neniam uzata.

### 4. *Almiliti kaj konkeri.*

Oni jam de longe rimarkis, ke la vorto *almiliti* ne sufiĉas por esprimi la ideon: A. *to conquer*; F. *conquérir*; G. *erobern*. *Almiliti* signifas fari la militon al, sed ne enhavas logike la ideon pri ia akiro. *Militakiro* estas pli bona, sed ankaŭ ne ĉiam taŭga, ĉar la bezonata vorto ne havas pure militan sencon. Speciala vorto estas necesa. La vortaroj proponas jen *konkvesti* (Grosjean-Maupin), jen *konkiri* (Bein, Millidge), jen *konkeri* (Boirac, Christaller). Troa riĉeco! La lasta formo estas la plej internacia kaj la plej simpla. Ĝi ŝajnas do preferinda. *Konkeri* naskas *konkero, konkeranto, konkeraĵo, konkerema*, k. t. p.

### 5. *Pri la senco de „ignori“*

S-ro *R. Sharpe* sendas al ni la jenan rimarkon:

En sia kritiko pri la nove aperinta vortaro („*Esperanto*“, paĝo 102 [10]), S-ro Altenstadt diras, ke *ignori* signifas ne scii kaj *ignoreeren* ne estas „ignori“. Tio estas eraro. Tiu verbo signifas *nescii* en la franca lingvo, sed ne en aliaj. La internacia senco, ankaŭ de Zamenhof, estas: ne voli scii, intence ne rimarki, preterpasi, malatenti, ŝajnigi kvazaŭ oni ne estas vidinta, leginta, aŭdinta, k. t. p.

Laŭ Jürgensen, germana *ignorieren* = etwas unbeachtet lassen, nicht wissen wollen; angla *ignore* = not wish to know, act as if ignorant of. Oni ignoras personon, por montri sian malestimon. Se oni ne scias, oni diru simple, kiel Zamenhof, „mi ne scias“, sed ne „mi ignoras“.

En la vortaro de Kabe (paĝ. 64) *ignori* = ne scii: „li ignoras, kio okazis“, sed tio estas malkompreno de la Zamenhofa ideo.

[1] *Apelacio* kaj *interpelacio* estas nek en la Universala Vortaro, nek en ĝia Aldono.

# Kulturo kaj Lingvo

Ni publikigas ĉi-sube du ekstraktojn de la interesa verko de Nienkamp *Kultur und Sprache* (Kulturo kaj Lingvo), kiun ni recenzis en N-ro 11 de „*Esperanto*“ (paĝ. 117).

* * *

„... Mauthner[1] uzas en unu el siaj artikoloj trafan bildon pri la lingvo. Li diras: ‚La lingvo kreiĝis kiel granda urbo, ĉambro apud ĉambro, fenestro apud fenestro, loĝejo apud loĝejo, domo apud domo, strato apud strato, kvartalo apud kvartalo, kaj ĉio tio estas interplektita, interligita per konduktoj kaj fosaĵoj.‘

Per tio li volas diri, ke la lingvo ne povas esti artefarita konstruaĵo, ĉar ne unu sola homo kreis ĝin. La lingvo memkomprenebl̈e signifas tie la naturan lingvon historie evoluintan. Ĉi tiu certe similas tre malnovan urbon, ĝi estas tute ne regule konstruita kun multaj nerektaj stratoj kaj vojetoj, duonruinitaj domoj staras flanke de aĝrespektindaj palacoj, senstilaj parvenuaj konstruaĵoj flanke de bongustaj modestaj dometoj. Estas la senplane laborinta arkitekto Hazardo, kiu ĝin konstruis. Sed nun oni povas imagi, ke tertremo funde detruas la urbon, kaj ke la registaro komisias artiston desegni planon de rekonstruo. Plie regularo fiksas la kondiĉojn por la estonta konstruado de loĝdomoj, komercejoj, fabrikoj, k. t. p. Ĉu tiel io simila al artaĵo ne povus elkreski?

Tiel estas kun Esperanto. Rilate al la sistemo starigita de ĝia eltrovinto ĝi estas artfaritaĵo, kies subtilaĵo ĉiam denove ravas la konanton. Sed, tiel malmulte kiel urbo, lingvo estas aĵo por ĉiam finita.

Lingvoj uzataj kaj urboj loĝataj kreskas, sed ne kun la reguleco de la kristalo; novaj ideoj naskiĝas, novaj vortoj estas kreataj sen ke ĉiam apudstaras artisto, kiu zorgas pri laŭstila evoluo. Tiel povus ankaŭ okazi ĉe Esperanto, kiel ĉe malnovaj preĝejoj, ke la aldonaĵoj de la pli nova tempo havas alian stilon ol la ĉefa domo, kvankam ĝuste ĉe Esperanto tiu danĝero estas malpli granda ol ĉe naturaj lingvoj. Malprave mi diras danĝero, ĉar ĉu tio malutilus, ĉu tio neebligus la uzadon de la lingvo kaj ĝian disvolviĝon? ...“

* * *

„... Tre ofte oni malatentas, ke internacia helplingvo estas multe pli afero de la praktika vivo ol de la teoria scienco. Certe ne estas hazardo, ke nek Volapük, nek Esperanto estis elpensita de lingvisto. Schleyer estis pastro, Zamenhof kuracisto. Ambaŭ studis multajn lingvojn, sed kun tute aliaj celoj ol la lingvistoj. Ĉi tiuj demandas: Kiel estas kaj kiel estis? La aliaj demandas: Kiel povus esti? Ili havas antaŭ la okuloj idealon de kreota lingvo, kaj ekzamenis la eblecon kaj vojojn de la celoj kun la ekzistantaj lingvoj. Tial ili faris diferencojn de valoro tie, kie al la sciencisto ĉio estas samvalora. Ilia tasko estis krei kaj trovi novaĵon, dum tiu de la aliaj estis kompreni kaj trovi malnovaĵon.

Ĉiu sciencisto alte ŝatas sian sciencon, kaj tion li devas fari, se li volas ĝin trapenetri. Tial la sciencisto ekzamenas la lingvojn kiel la entomologo la insektojn. Ju pli da kuriozaĵoj li trovas, ju pli malfacila kaj riĉa fariĝas pro tio lia laboro, des pli tio ŝajnas al li esti riĉaĵo, kion la praktikulo konsideras kiel senutila superfluaĵo. La kolektanto de poŝtmarkoj ĝojas, ke siatempe ĉiu ŝtateto havis proprajn markojn, dum la regna poŝto nuntempe uzas nur unu solan; fuŝpresaĵojn kaj aliajn neregulaĵojn li plej alte taksas. La praktikulo kontraŭe studas, ĉu oni ne povus plene forigi la poŝtmarkojn almenaŭ tie, kie (ekzemple ĉe grandaj sendoj) ili estas komplikaĵo.

Sed la multeco de la scio ne estas riĉeco de la spirito. La pliriĉigo de la vivo konsistas grandaparte el ties plisimpligo, el la

[1] Mauthner estas la nomo de la profesora kontraŭulo de H. Nienkamp, kiu publikigis artikolojn kontraŭ artefarita lingvo kaj kontraŭ Esperanto.

liberigo de la homo je detaloj, pro kiuj li devas foruzi tempon kaj forton por flankaferoj, kiuj nur malpligrandigas la eblecon disvolvigi la personecon... Tia simpligo liberiganta la tempon por pli gravaj taskoj estas Esperanto..."

# REKLAMO

## KORESPONDADO

L = *letero.* PK = *poŝtkarto.* PI = *poŝtkartoj ilustritaj.* PM = *poŝtmarkoj.* bfl = *poŝtmarko sur bildflanko.*

ARNHEM (Nederlando). — S-ro A. F. J. M. Smit, pastro, S-ta Walburgo-preĝejo, PM (precipe militmarkojn, ankaŭ kontraŭ PI).

DOESBURG (Nederlando). — S-ro G. J. Degenkamp, telefonisto, Regimentsstaf, Mauritskazerne, PI (montrantaj nur preĝejojn).

DRESDEN (Germanujo, Saksujo). — S-ro E. Nicolai, Nicolai-Str. 2, I, PK, PI, L (precipe fotografajn poŝtkartojn kaj leterojn pri la Esp. movado).

HARDERWIJK (Nederlando). — S-ro Theo Neyens, baraque 5, PI, L (kun ĉiuj landoj).

HARDERWIJK (Nederlando). — S-ro Jean Hellemans, baraque 5, PI, L (kun ĉiulandaj samideanoj).

HARDERWIJK (Nederlando). — S-ro Joseph Philippet, baraque 38, PI, L.

KARLSTAD (Svedujo). — S-ro Sam. Hedin, Herrhagen 363, PI, PM.

LIEGNITZ I. SCHLESIEN (Germanujo). — F-ino Margarete Voigt, Friedrich Str. 12, PK, PI.

NEDERLANDA ARMEO. — S-ro W. H. de Jonge, serĝento, 3/III, 12e R. I., IIe Divisie Veldleger, PI, L, PM.

NEW YORK (N. Y., Usono). — S-ro Armand B. Coigne, 2633, Creston Avenue, *nur* L (rilate psikologio, psikismo, fenomenoj supozeble kaŭzitaj de mortintoj, k. c., PK- kaj PM-kolektantoj ne ricevos respondon).

PORTO ALEGRE (Brazilujo, Rio Grande do Sul). — S-ro Manoel Alves Peres de Azambuja, 28, R. Mostardeiro, PM.

RUSA ARMEO EN FRANCUJO. — S-ro Sudareff, 1er Régt., 3me Comp. de mitrailleurs de l'armée russe, Sect. Postal 189, komenculo, dez. konatiĝi kun la tuta mondo.

SYDNEY MINES, N. S. (Kanado). — Kristanaj Junulligoj bonvolu ekrilati korespondon kun ĉi-tiea junulligo pere de Pastro R. E. Fairbairn, Huron Avenue.

TRONDHJEM (Norvegujo). — S-ro Martin Sandvig, 10, Skolegd, PM (kun ĉiuj landoj).

VENLO (Nederlando). — S-ro Jean Wilh. Jakobs, Stalberg, PI, L, PM (kun ĉiuj landoj).

VEGHEL (Nederlando). — F-ino Louise Verhoeven, A 141, Korte Kerkstraat, PI, PM.

ZEIST (Nederlando). — S-ro Paul Bernard, belga internigita soldato, barako 15, Camp. II L (kun samideanoj ĉiulandaj).

ZEIST (Nederlando). — S-ro Joseph Hélas, barako 12, tendaro II, PI, L (kun ĉiuj landoj).

## PETOJ KAJ PROPONOJ

AVIZO: Pro la nunaj cirkonstancoj ni ne akceptas komercajn anoncojn el la militantaj landoj.

ESPERANTAJ POEMOJ aperis, de C. Chr. Droogendijk, Del. de UEA, Stavenisse (Nederlando). Prezo: 0.20 Sm. Havebla ĉe la verkisto post ricevo de du internaciaj respondkuponoj.

KORESPONDADO. — F-ino Zoila E. Moran, 756, Casilla, Antofagasta (Ĉilio), dez. interŝanĝi PI kun tutmondaj gesamideanoj; ŝi speciale korespondos pri la temo: kiel devas esti la perfekta virina tipo, kiu estos la subtenanto de nova kaj alta civilizo.

MIGRANTAJ KARTOJ, 6 por 50 Ct. (0.20 Sm.), 25 por 1.25 Fr. (0.50 Sm.) ĉe E. H. Becker, 332, Third Ave., Dayton, Kentucky, Usono.

MODO-ARTIKOLOJ. — Tuj post la milito mi serĉas francan firmon pri sinjorin-ĉapeloj kaj garnaĵoj, kiel rubandoj, floroj, plumoj, k. t. p. Havante propran bonan detalaferon, kaj malgrandan klientaron, mi serĉas utiligi mian liberan tempon per reprezentado de tia negoco. Mi parolas sufiĉe la francan lingvon, iomete la germanan, anglan kaj italan. Pliajn specialaĵojn mi volonte liveros al interesuloj. *Guill. Nivard*, Groningen (Nederlando).

MALAPERO. — Ĉu iu rusa samideano povus elserĉi, kie troviĝas la kaptita je 11 aŭgusto bulgara samideano: oficirkandidato *Salĉo Gheorghieff*, de 16a Reg., 15a roto, 3a druĝina? Malfeliĉa familio kaj la subskribinto estos tre dankaj. Adresu ĉiujn informojn al: Iv. Krestanoff, 12, av. du Mont-Blanc, Lausanne (Svisujo).

POŜTMARKOJ. — S-ro J. Blaikie, F. B. E. A., 15, Church-crescent, London. N. 3. (Anglujo) kondukas poŝtmarkan vendejon por la helpo de Kristanaj Misioj en Ĥinujo kaj Hindujo. Li petas donacojn de markoj kaj sendos aprobfoliojn al kolektantoj. Li ankaŭ deziras interŝanĝi markojn kun Esp-istoj.

PSIKISMO-STUDENTOJ, KURACISTOJ, INTERESITOJ je psikologio, eksterordinaraj cerb- kaj nervmalsanoj, postmortaj fenomenoj, psika enketado, komuniku kun mi, rilate internacian asocion por studi tiujn ĉi fenomenojn. Amatoroj, PK- kaj PM-kolektantoj ne skribu. *Armand B. Coigne*, 2633, Creston Avenue, Bronx, New York, N. Y., Usono.



PRESEJO BÜCHLER & KO., BERNO